## BONDEZIROJ

Okaze de la venontaj Festoj, la estraro de ITALA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO (I.F.E.A.) kaj la redakcio de "ITALA FERVOJISTO", varme bondeziras feliĉajn Kristnaskon kaj prosperan Novjaron al ĉiuj Membroj kaj Simpatiantoj de nia Asocio; Korajn bondezirojn ankaŭ al la Estraro de la INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO ( IFEF ) kaj al la tuta Anaro kaj Legantaro el ĉiuj Landoj.

---

## COMUNICATO DEL CASSIERE

A seguito delle decisioni prese dal Congresso di Roma, per il 1982 le quote sociali sono:
- associazione alla IFEA, IFEF, FEI ed UEA con abbonamento alla rivista "L'ESPERANTO-FEI" £.12000 annue (8000 per i giovani fino a 21 anni e per i familiari)
- associazione solo all'IFEA ed IFEF (per quei Soci che pagano le quote alla FEI ed UEA direttamente o tramite i Gruppi E.sti locali) lire 4000 annue.

Si pregano vivamente i Soci che ancora non hanno pagato le quote per il 1980 e il 1981 e continuano a ricevere il Bollettino, di trasmettere al più presto dette quote da noi già versate alle Associazioni a cui siamo aderenti, oppure di inviare avviso di disdetta, per poterci regolare e non pagare per l'anno 1982.
FERROVIERI ADERITE ALL'IFEA, VERSATE SUBITO LE QUOTE 1982! SOSTENETE L'ESPERANTO E LE SUE ASSOCIAZIONI!
Per agevolare i versamenti si allega un bollettino di c/c Postale intestato: IFEA Via Donato Creti 61 I-40128 BOLOGNA n° 19336403.

---

## 34-a ESPERANTO KONGRESO DE IFEF

Balatonfüred Hungario 02-08.5.82.
Postadreso: H-1378. Pf. 7.

Kongresejo: La Hotelo SZOT/Instru-Centro de la Landa Konsilantaro de la Sindikatoj en Balatonfüred.

Aliĝiloj kun ĝeneralaj instrukcioj, same la kongresaj glumarkoj estas dissenditaj al la landaj organizaĵoj kaj ili estas riceveblaj senpere ankaŭ de LKK.
Ankaŭ ĉi tie ni petas sendu vian aliĝilon nepre rekte al la adreso de LKK de 34a IFEF-Kongreso Pf 7 H-1378 Budapest - HUNGARIO.
La kongresanoj el okcidentaj landoj pagas nur la kongreskotizon rekte al la IFEF-Kasisto, kiu transĝiros al LKK. Bonvolu direkti la pagon al jena adreso:

1 25 80 36 IFEF, TOLNE STATION, DK - 9891 TOLNE.

Ne forgesu noti sur la pagilo: "Kongreskotizo por la 34a".
Prefere uzu la poŝtĉekkonto.
Se Vi pagas ankaŭ por alia persono, nepre indiku ankaŭ ties nomon.
Tranoktado, manĝojn kaj ekskursojn Vi pagos surloke per propra valuto.
Frua aliĝo helpas aliĝantoj fari siajn mendojn ĝustatempe ĉe la Kongreso!

GRAVE!
Tranoktejon, provizadon, ekskursojn postkongresan programon oni povas mendi nur per la Ĉambromendilo.

KONGRESKOTIZO
LKK povas trakti aliĝilon nur post la alveno de la kongreskotizo. La aliĝantoj sendu la aliĝilon kaj pagon kiel eble plej baldaŭ, sed nepre tiel frue, ke ili estu senditaj al LKK antaŭ la 1-a de Febru-

aro, resp. antaŭ la 1-a de Aprilo 1982. (la kvitanco de banko aŭ de poŝto bv. kunporti kaj prezenti ĉe la alveno al la kasisto de IKK).

Kongreskotizoj ĝis la 31-1-1982:
- Kongresano IFEF-Membro (ankaŭ emeritulo) 70 Ned.gld.
- Familiano kaj junulo ĝis la 20 jaroj 35 Ned.gld.
- Kongresano ne IFEF-Membro 80 Ned.gld.
- Simpatianto (li ricevas la kongresmaterialon) 25 Ned.gld.

Ekde la 1-2-1982 ĝis la 1-4-1982 tiuj ĉi sumoj plialtiĝos al respektive: 100 - 50 - 115 kaj 25 Ned.gld.

Poŝtoficejo kaj monŝanĝejo dum la kongreso funkcios en la kongresejo. Por-okaza stampado, glumarkoj, poŝtkartoj, memoraĵoj ankaŭ estos aveblaj surloke.

La postkongresaj tagoj de la 34a IFEF-Kongreso, okazos ankaŭ en Budapest, kiun urbon rajte oni nomas "perlo" eĉ "reĝino" de la Danubo, kie abundas la vidindaĵoj. Organizite estos prezentataj la Parlamentejo, Nacia Muzeo, Nacia Galerio (en la iama reĝa palaco), Muzeo de la trafikiloj, Pionir-Fervojo ktp. Mondkonataj ekskurslokoj, restoracioj atendos la gastojn enurbe kaj en la ĉirkaŭaĵo.

IKK bonvene atendas la pluajn aliĝojn kaj tion ĉefe de la gejunuloj. Por ili IKK ebligos pli favorajn kondiĉojn kaj organizos konvenajn amuz-eblecojn. IKK ankaŭ ĉi tie petas la Estrarojn de IFEF-Sekcioj por entrepreni (parte aŭ tute) la kongreselspezojn al siaj plej aktivaj gejunuloj, por ili IKK disponigos la tuttagan ekskurso senpage.

GRAVE!
La aliĝkotizo altiĝos sufiĉe de februaro; do kiuj ne aliĝis ĝis nun, faru tion kiel eble plej baldaŭ.

En via propra intereso bv. noti, kion vi mendis kaj pagis!

IKK esperas ke la inflacio ne devigos plialtigon de la indikitaj kostoj, sed tamen oni devas rezervi al si tiun ĉi rajton.

La ekskursoj estas planitaj jene:

"A" tuttaga eks. al Héviz-keszthely, ĝi kostas ĉ.23 Ned gld.

"B" duontaga eks. al Tihany-Herend -Veszprém, ĝi kostas ĉ.14 Nedgld.

"C" duontaga eks. kun vingustumado, ĝi kostas ĉ. 11 Ned. gld.

"D" 3-ora ŝip-promenado sur la lago Balaton, ĝi kostas ĉ. 7 Ned.gld.

Prezidanto de IKK: inĝ. Istvan GULYÁS komitatano de IFEF kaj UEA;
Sekretario: Jànos PATAY; Afergvida
Afergvida Sekretario: (juna) Ferenc PHERSY;
Kasisto: Imre DOMOKOS;
Revizoroj: D-ro Istvàn KERESZTES kaj Làszlò ZSENI.

El la faka programo de la kongreso aparte ni mencias, ke okazos prezentadoj pri fervojaj aktualaĵoj fare de diverslandaj gekolegoj. Okazos ekspozicioj, fakaj filmprojekciadoj.

La faka revuo Hungara Fervojista Mondo jam depost 24 jaroj publikigas ankaŭ la aktualajn sciigojn primovadajn. Antaŭ la 34a IFEF kongreso ili estos por Vi gravaj.

34a
ESPERANTO Kongreso
de IFEF
Balatonfüred

Majo 1982

LA RELO KUNLIGAS LANDOJN
ESPERANTO LA POPOLOJN

ESPERANTO KAJ "FERBO-81"

FERBO-81 estas jam tradicia.
Post la sukceso de antaŭ du jaroj, "DOPOLAVORO FERROVIARIO-D.L.F." de Bologna denove prezentis al la ekstera publiko siajn aktivaĵojn.

Tio okazis per diversbranĉa ekspozicio, de la 5-a ĝis la 13-a de novembro, en la salono de "600" de "Palazzo del Podestà" en la centro de la urbo. Inter la diversj branĉoj (Pentro kaj Fotoarto, Hobioj, Turismo, Filatelio, Socialaj kaj Virinaj problemoj, Aktivaĵoj, ktp) estis ankaŭ la Esperanta branĉo prezentata de la Esperanto grupo de D.L.F.

La Esperanta elmontro estis artikolata en tri ĉefaj branĉoj, nome: Esperanto en la Fervojoj,Esperanto en la Turismo kaj Esperanto en la lernejoj kaj en la junulara vivo.

Ĉe la supra parto de la Esperanta stando videblis la granda standardo kun la slogano: "Contro ogni discriminazione linguistica per eliminare l'incomprensione fra i popoli" (kontraŭ ĉiu lingva diskriminacio por forigi la miskomprenon inter la Popoloj), kiun la Italaj Esperantistoj svingis en la centraj stratoj de Romo okaze de la manifestacio dum la 52-a Itala Kongreso de Esperanto. Estis elmontrataj ankaŭ pluraj ekzempleroj de la ĵus presita afiŝo pri niaj Esperanto-kursoj kiuj komenciĝis la 24-an de novembro en la salonoj de D.L.F. en Via de' Poeti, 5/2, kaj daŭros ĉiumardon posttagmeze kaj vespere. Ili estas unugrada (elementaj por komencantoj), dugrada (por tiuj kiuj vizitis la elementan kurson pasintjare), konversacia por progresintoj kaj spertuloj.

En la Filatela ekspozicio oni elmontris ankaŭ grandan kolekton de Esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj; inter tiuj ĉi lastaj ĉiuj specialaj porokazaj poŝtstampoj uzitaj dum la Internaciaj Kongresoj de I.F.E.F. La Filatela Ekspozicio enhavis specialan poŝtstampon pri Fervoja motivo, ĝi prezentas bildon de la lokomotivo-tendro, tipo 801 FS. kiu komencis sian servon dum 1881-a, ĝi do festas nunjare sian cetjaran honorindan servo-deĵoron.

23-a I.F.E.S.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

27.2 - 6.3 1982

Franca Fervojista Esperanto Asocio organizas la 23an Internacian Fervojistan Esperanto Skisemajnon en Morzine.
La restadejo sufiĉe comforta, situanta apud la urbocentro kaj la skiliftoj, povas gastigi 78 partoprenantojn en 27 dulitaj kaj 8 trilitaj ĉambroj kun necesejo kaj duŝsaloneto. Aliĝis nun 70 personoj. Tio signifas, ke neniu plia kandidato povas esti akceptita, kiam vi legas ĉi tiun anoncon.

Informado: Gérard Horn, rue Gabriel Péri, F-93310 Le Pre Saint Gervais.
Restadejo: Résidence Florimontane, Avenue de Joux Plane, F-74110 Morzine.

67-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - ANTVERPENO-BELGIO

de la 24a ĝis la 31a de julio 982

Alta Protektanto estos la reĝo de Belgujo, Reĝo Baldueno.

La Guberniestro kaj la Urbestro de la provinco Antverpeno kaj de la urbo Antverpeno estas jam en la

Honora Komitato de la 67-a UK.

Senatano Prezidas LKK. Kiel en 1981, ankaŭ en Antverpeno, la prezidanto de LKK estas senatano de la kongreslando. Temas pri s-ro Fernand Piot, kiu jam pli ol 30 jarojn estas membro de UEA.

Kongresejo: La Konferenca Salonaro de la Reĝa Zoologia Ĝardeno. La kongresanoj ĝuos senpagan eniron en la ĝardenon la tutan semajnon.

Kongresa Temo: Generaciaj aspektoj de la Esperanto-Movado.

Tuta Tago pri Esperanto-Instruado. Unu tago estos dediĉita al la instruado de Esperanto. Prelegoj kaj diskutoj.

Esperanto-Poŝtmarko. Belgujo eldonos specialan poŝtmarkon honore al la Universala kongreso de Esperanto, kaj prepariĝas ekspozicio pri Esperantaj poŝtmarkoj kaj glumarkoj.

Oficiala Peranto: Italio: I.E.F. Via Villoresi 38 - I-20143 Milano.

## 70-a JARO DE ESPERANTO EN BOLOGNA

La Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini" festos venontjare, la 15an kaj 16-an de majo 1982-a, la 70-an datrevenon de ĝia ekzistado. Ĝi havos Internacian karakteron kaj la Fervojistoj Esperantistoj kunlaboras en la organizado.
Dum la tuttaga ekskurso, antaŭvidita la 16-an de majo, oni inaŭguros "Placo Esperanto"-n, antaŭ la Fervoja Stacidomo de SANTARCANGELO DI ROMAGNA, urbeto ĉe Rimini. Krom la placo, oni inaŭguros, en ĝi, ankaŭ simplan stonan monumenton dediĉatan al nia Majstro D-ro L.L. Zamenhof.

## KUNVENO DE ITALA INSTITUTO DE ESPERANTO

La estraranoj de I.I.E. laŭ propono de la Ĝenerala Direktoro, decidis organizi kunvenon de ĉiuj membroj de la Akademio tenata en Bologna, kune kun la Katedr-estroj kaj ĉiuj kunlaborantoj en la instruado de Esperanto.

Tiu kunveno okazos la 21-an de marto 1982-a (dimanĉe) je la 10 horo ĉe la sidejo de Dopolavoro Ferroviario "D.L.F.", Via Sebastiano Serlio, 25/2 Bologna (10 minutojn piede de la Fervoja Stacidomo).

---

## NI LEGIS . . .

El Hungario: BUDAPESTO

Luksa eldonaĵo pri la Hungara ĉefurbo: ĝi prezentas la multflankajn milbelaĵojn de la "Juvelo" de Danubo. Natur- kaj histori-amantoj povos ĉi tie plene kontentigi siajn gustojn.
La broŝuro estas dudekkvarpaĝa, tutkolora kaj tutesperanta.
Budapesto estas la celo de la postkongreso de la 34-a Esperanto Kongreso de I.F.E.F. la 8-an kaj 9-an de majo 1982-a.

BALATON: Turisma bunta broŝuro kun kvardeko da koloraj bildoj. La teksto estas en Germana lingvo, sed estas aldonita traduko en Esperanto.
Ambaŭ eldonitaj de: Informa Servo pri Fremdultrafiko, H-1440 Budapest VII,Rakoczi u. 52.
Balaton estas la tiel nomata "Hungara Maro" ĉe kies bordo, en Balatonfüred, okazos la 34-a Esperanto Kongreso de I.F.E.F. de la 2-a ĝis la 8-a de majo 1982-a

HUNGARA FERVOJISTA MONDO

La lasta n-ro de tiu faka revuo havas 36 paĝojn plejparte rilatantajn al nia 34-a I.F.E.F. Kongreso.

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)





# Informa Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO


REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071


STAMPE